2.ª Ep. AÑO III, N.º 13 (149) MAYO-JUNIO 1965.




DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

# PROF. DELFI DALMAU
## (1891-1965)



Nobla kavaliro de la *esperantista* idealo, saĝa homo, Delfí Dalmau finis sian fizikan restadon ĉe ni.

Forĝisto de tuta generacio de esperantistoj, Delfí Dalmau estis altvalora, komprenema homo kies perdo havas nekalkuleblan gravon por Esperantujo.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:
Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado sendu al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.
Ĉekkonto: n.° 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; do pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## De Secretaría

La campaña de recogida de firmas progresa satisfactoriamente. Los últimos informes facilitados por U. E. A. hacen prever un éxito completo a esta importante campaña en pro de la Lengua Internacional y es deber de todos coadyuvar en lo posible para que nuestra lengua auxiliar obtenga el merecido reconocimiento oficial.

A finales del pasado abril, 444 organizaciones, con una suma total de 5.897.300 miembros se habían adherido a la propuesta a la O. N. U., y si a esta cifra le añadimos las firmas individuales de unas 100.000 personas más recibidas hasta la fecha, veremos que hay motivos para sentir optimismo y continuar nuestra colaboración con interés y ardor renovados.

H. E. F., como ya informamos en nuestro número anterior, lleva distribuidas más de 1.500 hojas. La eficaz colaboración de nuestros samideanos ha hecho posible que gran parte de ellas hayan sido ya enviadas a U. E. A. con las firmas de personas pertenecientes a todas las clases sociales. Para facilitar la tarea de clasificación en la oficina central de U. E. A. rogamos, sin embargo, a todos aquellos que conserven hojas en su poder, nos las remitan, completas o no, tan pronto como les sea posible. Debemos evitar que a última hora el trabajo de clasificación se vea entorpecido y la fecha de presentación retrasada por una excesiva acumulación de pliegos. Esperamos, pues, de nuestros colaboradores la mejor comprensión y el cumplimiento de las instrucciones dadas en números anteriores de BOLETIN.

Inés GASTON

* Je via dispono ni havas belajn kolorajn poŝtkartojn pri la venonta Kongreso, eldonitaj en Palencio. Prezo: 2 ptojn. ekzemplero.

* Ankaŭ vi povas mendi jam la belajn glumarkojn de la Kongreso. Prezo: folieto kun 6 gm. 1,50 ptjn.

* Novajn belajn pk. kaj kovertojn pretigis por vi la eldona Fako. Prezo Poŝtk ses ptjn. la deko. Kovertoj, ses ptojn. la deko.

* Poŝtkartojn kaj glumarkojn de la Kongreso vi povas mendi ankaŭ al la sekretario de la loka komitato. Sro. Dativo Blanco, str. Victorio Macho, 46, 3.° PALENCIA.

NIAN KONDOLENCON

## DELFI DALMAU GENER

Profesoro Delfí Dalmau, la majstro, la amiko, forpasis. Li pasis tra la mondo bonfarante kaj, post vivo plena de bonaj agadoj, li prenis la vojon al la eterna ripozo.

Por li tio signifas atingi la superan celon, sed por ni, por ĉiuj esperantistoj, tio estas granda perdo.

Ankaŭ alia samideano, brava pioniro de la unuaj tempoj en la aŭroro de nia movado kaj ĝis la lasta momento laborante kaj partoprenante niajn Kongresojn, S-ro. Francesh Abella Coll, forpasis.

Kun dolorplena koro dronita en malĝojo mi volas esprimi ĉi tie, ne nur mian personan, profundan kondolencon pro tiu duobla perdo sed ankaŭ, nome de la Hispana Esperanto Federacio, la kondolencon de la tuta hispana esperantistaro.

La eterna lumo brilu por ili!

MIGUEL SANCHO IZQUIERDO,
Prezidanto de H.E.F.

# IN MEMORIAM

*— Al Profesoro D. DALMAU*

Jam malgaje sonis horo,
laŭ ordono de Destin',
kiam haltis via koro,
kaj ne plu ni vidos vin.

Kaj nun via voĉ'serena
ne plu vibros antaŭ ni,
nek aplaŭdo nia, plena,
nek la ĝoja emoci'.

Ho, vi, nobla Profesoro,
kara Majstro, nia stel'!
Al ni mankas vi, sinjoro,
via menso kaj fidel'.

Ĉar ni perdis apostolon
por la paca ideal',
kiel ni trovos konsolon
post ĉi frapo de l'fatal'?

Ve, mortonta la hom'estas!
(Nur valoras la spirit'.)
Vi forpasis kaj ni restas;
nun ni povas plori vin.

F. VILA

*NEKROLOGO*

# Sro. Francisco Abella



La 14an de Aprilo atingis nin dolora novaĵo: morto de nia kara amiko Sro. Abella.

Post longa malsano kaj pacienca suferado, la parco fine venkis lian fortikan korpon kiu bataladis ĝis la lasta momento.

Kiel persono, li estis bonkora, simpatia kaj afabla, ĉiam preta plenumi demarŝon. Li konstante oferis siajn servojn ne nur por la propra familio tre amata de li, sed ankaŭ por la esperantista loka rondo al kiu sin donadis energie kaj plene. Por li, la lingvo Esperanto estis unu el la plej gravaj celoj de la vivo kaj unu el la plej karaj idealoj. Pro tio, li dumvive sin montris malavara kaj helpema por nia movado, ne nur hispana sed ankaŭ internacia.

Lia delonga esperantisteco, li estis 77jara, permesis al li senĉese laboradi favore al Esperanto, kies internan ideon li tute komprenis kaj, tio kio estas grava, li praktikadis. Lia tuta ekzisto estis klara kaj efektiva demonstracio de sincera amo al la homaro, sen diskriminacioj nek prijuĝoj, tio kio prezentas lin kiel bona, taŭga kaj imitinda ekzemplo por ni ĉiuj.

Kiam li nur estis 22jara, kaj okaze de la deĵorado kiel rekruto en Kazerno de Navarra, hispana urbo, li jam iĝis fervora gvidanto de esperantaj kursoj kun la nobla celo disvastigi la internacian lingvon inter siaj amikoj kaj simpatiantoj. Per tio, li rekte kontribuis al la klerado kaj kulturigo de la soldatoj kiel eble kaj bone.

Kiel membro de diversaj esperantistaj grupoj partoprenis ĉiujn Hispanajn Kongresojn de Esperanto. Tial lia modesta figuro estis tre konata de ĉiuj, ĉar pro sia amo kaj emo al nobla diskutado, li ĉiam iniciatis dialogon fratan kun la intenco klarigi ion ajn rilate la Esperanton kaj ties rekta influo sur la aŭtentikan progresadon de l'homaro.

Li neniam ŝparis sian monan alporton, sian personan helpon kiam urĝa afero aŭ familia neceso prezentiĝis; tute same okazis en la esperantisma tereno. Unuvorte: lia senlima fervoreco altiris, volenevole, la atenton de la esperantistaro, kaj atingis la ĝeneralan estimon de ĉiuj, tio kio vere evidentiĝis okaze de lia lasta akompano kaj entombigo, al kiu ĉeestis granda amaso de fidelaj amikoj deziranta restadi kun li ĝis la neevitebla disiĝo.

Denove ni transdonas al lia kara kaj distinginda familio, nian sinceran kondolencon kaj la plenan ateston de niaj doloraj sentoj.

Nobla amiko: Vi pace ripozu!

JAIME ARAGAY

Scienca pensado povas konduki al objektiva vivkoncepto, se ĝi traktas novajn ideojn. Petu senpagan ilustritan faldprospekton ĉe: Martinus Instituto, Mariendalsvej, 94-96, Kopenhago-F, Danlando.

# DELFI DALMAU GENER

*Dr. M. Solá*

**DELFI DALMAU nació en Figueras en el año 1891. A las edad de quince años aprendió Esperanto y en 1909 asistió al Congreso Universal de Esperanto que tuvo lugar en Barcelona. Conoció personalmente al doctor Zamenhof.**

**Fue uno de los fundadores de la Federación catalana de Esperanto y redactor de la revista "El Esperantista Catalán". Hombre extraordinariamente activo, jamás desaprovechó oportunidad para dar conferencias y publicar artículos en defensa o difusión de la Lengua Internacional. Colaboró en numerosas revistas esperantistas de diversos países y fue durante muchos años delegado principal de U.E.A. en España. Era miembro de la Academia de Esperanto.**

**Lingüista de talla internacional, hablaba correctamente siete idiomas. Sus extensos estudios en el campo de la estenografía le llevaron a idear un sistema internacional único en su género adaptable a todos los idiomas. Escribió numerosas obras lingüísticas, estenografía y enseñanza del Esperanto. En el campo literario son notables sus tres obras "Seny y atzar", "Una altra mena d'amor" y "Sinceritat".**

**Fue defensor incansable del Esperanto y de la cultura de los pueblos sobre las bases de la paz y de la comprensión mutuas, sobre cuyos temas escribió también varios libros.**

**Delfí Dalmau era doctor en Letras de la Escuela Normal de Bahía Blanca, Argentina; director del Liceo Dalmau y de los Cursos Belpost de Barcelona, y representante del Linguaphone Institute en España.**

**En el momento de su fallecimiento, la Federación Española de Esperanto se disponía a prepararle un homenaje especial en la sección "Niaj Pioniroj", en gracia a sus muchos años de constante labor en pro de nuestra Lengua Internacional. Hasta los últimos momentos de su vida fue asiduo colaborador de BOLETIN.**

**Su muerte ha sido grandemente sentida en todos los ámbitos esperantistas de España y del extranjero. Por su conducta correcta, amable carácter y excepcionales cualidades humanas y dotes culturales, se había hecho acreedor al respeto y estima generales.**

**Testimonio del general sentimiento que su fallecimiento ha producido son los numerosos mensajes de condolencia recibidos en H.E.F., entre los que citaremos los de sus colegas en la Academia de Esperanto doctor A. Albault y señor J. Régulo Pérez.**

**RED**

Malbonŝanca jaro la nuna 1965 por la enlanda esperantistaro!

Post la morto en Januaro de Pastro J. Casanovas, jen alia eminenta kaj klera, neanstataŭebla pioniro forlasas la teran mondon kaj lia nomo iĝos nur bedaŭrata rememoro en la koro de la vivantoj.

Profesoro Dalmau naskiĝis en Barcelono en la jaro 1891, en la tagoj tuj poste de la V^a Internacia Kongreso de Esperanto en Barcelono kiun organizis kaj gvidis Sro. Pujulá y Vallés, tie oni komencis aŭdi kaj atenti la nomon de simpatia kaj klera junulo kiu en akompano de aliaj, tiam pli konataj samideanoj, propagandis Esperanton en Barcelono.

Li estis, jam de la komenco, kiel ĉiam, elokventa, preciza parolanto, kiu prezentis ĉiam trafajn kaj rektajn argumentojn kiuj impresis kaj konvinkis la aŭskultantojn. Li estis samtempe klara kaj lerta.

Lia profesio estis ĉiam la instruado de fremdaj lingvoj, precipe la anglan, sed li ankaŭ preparis kaj aranĝis kursojn pri sia propra kataluna lingvo en kies temo li estis ĉiam rekonata aŭtoritato. Unu anekdoto, kiun mi nun memoras, sufiĉos por montri lian konon de la angla lingvo: Kiam antaŭ jaroj okazis, dum Esperanta Kongreso en Manresa, la famkonataj Internaciaj Floraj Ludoj, angla sinjorino F-ino Louise Briggs, tre konata en Britujo, estis membro de la Juĝantaro kaj venis al nia lando por vidi kaj partopreni en la Literatura Festo. Mi mem estis tiam sekretario de la Juĝantaro kaj havis okazon interparoli kun F-ino Briggs. En unu el tiuj okazoj venis al mi la penso demandi al F-ino Briggs ĉu nia komuna amiko Dalmaŭ bone prononcis la anglan lingvon, kiu estas tiel malfacila por niaj oreloj. F-ino Briggs donis al mi kuriozan respondon: Tro bone! ŝi diris. Tiu ĉi ĝusta respondo tute ne mirigis min ĉar prof. Dalmau ankaŭ sian propran denaskan lingvon li prononcis tro bone. La literojn v kaj b kiujn ni ofte ne distingas li ĉiam ĝuste prononcis. Tio estis unu el liaj karakterizaj trajtoj.

Dum kelkaj jaroj li elmigris el la lando kaj vivis kaj laboris en Suda Ameriko, en Bahia Blanca, Argentinio.

Denove li revenis al sia lando kaj tuj sin donis al la laboro por Esperanto kune kun S-roj Pujulá, Bremón, Grau, Gili kaj aliaj.

En 1927 li estis elektita Prezidanto de la Kataluna Esperantista Federacio kaj kiel tia li kunlaboris en la organizo de esperantistaj kongresoj en Palma de Mallorca kaj en Soller, kaj gvidis la Esperantan movadon en Katalunujo. Li ankaŭ kunlaboris kiel redaktoro de la monata gazeto Kataluna Esperantisto kiu aperis dum multaj jaroj kaj estingiĝis en 1936.

Liaj prelegoj estis tiel multnombraj ke citi ilin estus tre malfacile. Neniam li donis rifuzon al iu ajn esperanta grupo kiu petis lian helpon. Lia karaktero estis ĉiam optimista.

Se iu opinio aŭ juĝo malfavora al Esperanto aperis en gazetoj aŭ revuoj de nia lando li estis ĉiam la unua kiu sendis refutan artikolon kaj trafe respondis al atakoj per klaraj kaj lertaj argumentoj aŭ faktoj. Li ĉiam traktis la antagonistojn kun respekto kaj atento. Unu el liaj oftaj frazoj estis nomi la kontraŭulojn la eminentaj malamikoj de Esperanto.

Dum longaj jaroj li helpis al U.E.A. en nia lando plenumante la postenon de Delegito en Barcelona, kaj nacia Delegito por kolekti la kotizojn de la hispanaj anoj de la Asocio, ĝena tasko precipe kiam pro ekonomiaj aŭ politikaj cirkonstancoj fariĝis neeble sendi monon al eksterlando.

Lia profesio kaj liaj preferoj kondukis lin al la studo de gramatiko kaj lingvistiko en kies fako li famiĝis. Tiu fakto kaj lia internacia famo estis la kaŭzo ke li estis elektita membro de la Akademio de Esperanto al kiu li apartenis ankoraŭ en la momento de la morto.

En kelkaj el niaj naciaj Kongresoj li partoprenis kaj faris tre interesajn prelegojn kiujn la kongresanoj plezure kaj atente aŭskultis. Oni esperis de li ĉiam ion interesan kaj allogan. En kelkaj el ili mi mem havis la honoron prezenti la oratoron al nia esperantista publiko. Li parolis en Palma de Mallorca, en Soller, en Madrid, en Castellón. En liaj lipoj, la Zamenhofa lingvo estis agrabla kaj perfekte prononcata.

Mi havis plurfoje okazojn interrilatiĝi kun li, ne nur kiel esperantisto; persone mi sentis por li ankaŭ profundan simpation kaj amikecon kaj alte taksis lian talenton kiun li montris ankaŭ per verkoj eldonitaj en esperanto kaj enlandaj lingvoj.

La fakto, ke klera kaj konata persono kiel Profesoro Dalmau laboris intense kaj publike por Esperanto estis per si mem jam valora propagando por nia internacia lingvo ĉar afero aŭ movado pri kiu li interesiĝis devis nepre esti tute serioza kaj digna afero.

Kelkaj monatoj antaŭ lia malapero, kun lia sano jam ne tre bona, la barcelonaj esperantistoj omaĝis lin en festo tiucele organizita.

Mi neniel dubas, ke la memoro pri nia estimata pioniro Profesoro Dalmaŭ daŭros longe, tiel longe kiel estas eble laŭ la homaj kondiĉoj, en la koro kaj penso de niaj samideanoj.



Delfí Dalmau dum unu el la lastaj paroladoj

## LITERATURA JUBILEO

# STAFETO

Per KVAROPO de W. Auld, J. S. Dinwoodie, J. Francis kaj R. Rosetti, komenciĝis en Hispanio, en la jaro 1952, unu el la plej grandaj eldonaventuroj en la kampo de la Esperanto-progresigo: la starigo de la eldonejo STAFETO dank'al la streboj de nia samideano Juan Régulo Pérez, katedra profesoro de Esperanto en la Universitato de LA LAGUNA.

Post KVAROPO, kiu signis la komencon de nova epoko en la disvastigo de la literaturaj valoroj de ESPERANTO, tiel en la traduka kiel en la originala kampoj, aliaj titoloj ĝis kompletigo de la 50a libronombro, montris rimarkindan karakterizon de STAFETO: dum en la volumoj antaŭe prezentitaj de aliaj eldonejoj montriĝis jen lingva zorgemo, jen bela prezento sed malofte ili troviĝis kune, STAFETO-n karakterizis de la unua momento, krom lingva korekteco, aspekta ĉarmo kaj plaĉaj, kelkloke altvaloraj dekoracioj kaj ilustraĵoj. Ĉi tiuj trajtoj, kunigitaj en majstra sintezo per la lerta mano de kompetenta direktoro iompostiome lokis STAFETON en pintan lokon en la Esperanto-eldonado.

Krom Auld, Dinwoodie, Francis kaj Rosetti (C. kaj R.) impona galerio de verkistoj, jen konsekritaj, jen novebakitaj, kontribuis al STAFETO siajn manuskriptojn. Waringhien, Kalocsaj, Baghy, Schwartz, Szilagyi, Tarkony, Pumpr, Boulton, k.a. formas konstelacion kiu kvazaŭ olimpika torĉo brilos en la ĉielo de STAFETO kaj estos orientilo por ontaj pluiroj en la internacia literaturarto.

Plej bela kaj efika omaĝo al la samideana sindono kaj strebo de Sro. Régulo Pérez, estus ke ĉiu el niaj samideanoj aĉetus almenaŭ unu el la libroj kiujn li tiel ameme kaj kompetente eldonis por ni. Tio certe agus instige kaj inspire en lia nobla laboro por la fortikigo kaj pliriĉigo de nia literatura havaĵo, spite la neeviteblan inertecon de la plimulto kaj la ekonomiajn faktorojn ĉiam malfavoraj al tiaj entreprenoj.

En la 50a voluma Jubileo de STAFETO, kiu honorigas kaj Hispanion kaj la Esperanto-movadon, ni aldonas nian sinceran gratulon al tiuj kiujn Sro. Régulo Pérez ricevas de la tuta Esperantujo.

Am.

Profesoro Delfi Dalmau Gener, elstara filologiisto, multjara delegito de UEA en Barcelona kaj peranto en Hispanujo, mortis la 15-an de aprilo.

Li estis la plej konstanta kaj fervora esperantisto de la kataluna movado depost 1907-a. La unua en ĉio, simpatia, eleganta, vere granda sinjoro, li donis prestiĝon al esperanto. Simpla kaj inteligenta, lia batalado estis konstanta dum lia tuta vivo esperantista: paroladoj, kursoj, artikoloj, verkoj, diskoj por korekta alparolado, k.t.p.

Lia multnombra internacia amikaro profunde sentos la malaperon de tiel multvalora samideano, kiu neniam havis malamikojn.

Pace ripozu la bona amiko!

*JOAN SERRES*
Vicprezidanto de E-Grupo
«Stelo de Paco»

*ESPERANTISTA VIVO*

## ESPERANTA GRUPO «STELO DE PACO» - BARCELONA

Pasintan monaton okazis la ĝenerala kunsido en kiu oni elektis la jenan novan estraron:

| | |
|---|---|
| Prezidanto: | Sro. Pablo Claramunt |
| Vicprezidanto: | Sro. Juan Serres |
| Sekretario: | Sro. José Bienvenido |
| Vicsekretario: | Sro. Tomás Alberich |
| Kasisto: | Sro. Marcos Purull |
| Vickasisto: | Sro. Antonio Bohigas |
| 1° voĉd.: | Sro. Bernardo Gracia |
| 2° » | Sro. Ricardo S. Güell |
| 3° » | Sro. Salvador Magriá |
| 4° » | Sro. José Veciana |
| 5° » | Sro. José Encinas |

## SKIZAN RAPORTON PRI LA LABORPERIODO 1964a

Oni omaĝis sam. Delfi Dalmau kaj nomis lin Honora Prezidanto de la Grupo. Dum la omaĝo kiun ĉeestis pli ol 150 samideanoj oni donacis al li artan pergamenon. Poste sekvis amika kaj frata vermuto.

En la teatro de la Kooperativo oni okazigis artan festivalon kiun ĉeestis multnombra publiko kaj kies rolojn ludis granda nombro da sindonaj samideanoj. Du vizitojn, organizitaj de Sno. R.S. Güell al la firmao Pepsi-Cola partoprenis pli ol cent personoj. Sno. Bohigas ebligis senpagan viziton al urba mara muzeo. Ankaŭ oni faris ekskursojn al la lago Esperanto, en la Monto Tibidabo de Barcelono, vojaĝo kiun ni celas fari ĉiujare.

Novembre ni prezentis teatran verkon en kataluna lingvo, verkitan de Sro. Güell «El vent bufa» (Vento blovas) kiu ricevis favoran akcepton de la ĉeestantaro.

Kelkaj eksterlandanoj vizitis nian Grupon. Inter ili tri germanoj, polano, belgino, du nederlandanoj kaj sam. el Japanio kiu prezentis belegajn diapozitivojn.

Al la Grupo aliĝis 16 novaj membroj, nun ĝi nombras 70 membrojn.

Kiel tradicie, la 20an de decembro ni celebris la datrevenon de la naskiĝo de Dro. Zamenhof.

Kursoj de Esperanto okazas regule kvarfoje ĉiusemajne (lunde, ĵaude, vendrede kaj sabate). La lastan, por infanoj, lerte gvidas Sno. B. Gracia.

J. BIENVENIDO - Secretario




Okaze de la Jaro de Internacia Kunlaboro U.E.A. eldonis specialan glumarkon. Ĉiu folio de dek markoj kostas 0'40 gld. (1'6 steloj aŭ 1 rpk.) Kutima rabato al mendantoj de minimume 20 folioj.

※

Belan prospekton en Esperanto pri la Internacia Trafika Ekspozicio en Munkeno eldonis la Organiza Komitato de tiu Ekspozicio. Petu ekzempleron al Internationale Verkehrs - Ausstellung, Theresienhöhe nº 13, 8. München, 12 Deutsche Bundesrepublik.

※

Hungario Invitas Vin estas la titolo de bela, ilustrita broŝuro pri Hungario. Interesitoj skribu al Budapesto, V., Ker., Felszabadulásters.

※

La Turisma Federacio de la Lieĝa Provinco eldonis en 1964 faldfolion en Esperanto. Tiu ĉi faldfolio tre plaĉe prezentita estas senpage akirebla, same kiel turisman dokumentaron pri la Lieĝa Provinco, skribante al la Turisma Federacio de la Lieĝa Provinco, 33 Avenue Blonden. LIEGE (Belgique).

※

La aŭtomobilfabriko FIAT, unu el la plej grandaj industriaj organizaĵoj de Eŭropo eldonis belegan 22 paĝan faldprospekton FIAT — Tero-Maro-ĉielo, kiu montras krom belegaj bildoj el Torino, la kompletan laborciklon de la produksistemo FIAT. Kiuj interesiĝas pri la produktoj FIAT povas peti ekzempleron al Fiat, Direzione, Stampa e Propaganda; Corso Marconi, 10; TORINO, Italio.

## SIMBOLA ALIĜO AL TOKIO

Multaj esperantistoj, kiuj kutimas sufiĉe regule vizitadi la Universalajn Kongresojn, kiuj ne havas okazon partopreni la 50-an en Tokio, sed tamen plenkore aprobas ke fine okazu U.K. en Azio, interesiĝas pri ĝi kaj volonte subtenas ĝin. Aliflanke, tiu ĉi Kongreso, memkompreneble, kaŭzas multajn eksterordinarajn elspezojn, tiel ke malgraŭ la kontentiga aliĝado ĝia financa situacio estas ege malforta. Tial, kaj por doni al nepartoprenontoj la eblecon tamen ligi sin al la Kongreso, kaj por helpi al la financoj de tiu ĉi unika Kongreso, starigita estas simbola aliĝo al la 50ª.

Tiu, kiu aliĝas simbole, pagas 25, = gld. (100 steloj), ricevos specialan kongresan karton kaj siatempe ricevos memoraĵon. Koncerne tion oni povas elekti: aŭ la Kongresan Libron, aŭ samvaloran artan japanaĵon. Aliĝante, oni tuj indiku kiun donacon oni elektas (en kunligo kun la presigota kvanto de la Kongresa Libro).

La kotizon de 25, = gld. aŭ egalvaloro oni sendu rekte al la Centra Oficejo de U.E.A., Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam, Nederlando, p.ĉ.k. 378964, bankrilato R. Mees & Zoonen, aŭ al la konataj adresoj de ĉefdelegitoj kaj perantoj. (Ĉefdelegito en Hispanio. Sro. R. Molera, Sta. Joaquina de Vedruna 13, Moyá (Barcelona).

## deziras korespondi...

HUNGARIO. - Budapest. IX.-Csarnok ter. 3-4 Sro. Ladislaŭo MAROTHY, interesiĝas pri la rano-homo movado en ĉiuj landoj.

# * Ni legis por vi...

La apero de la verketo «esperanto — moderna lingvo», de la Akademia triopo Setälä, Vilborg kaj Stop-Bowitz reaktualigis la —ata-itan aferon.

En nia deziro informi plej bone nian legantaron ni publikigas ĉisube du recenzojn de la sama libro faritajn de du hispanaj samideanoj.

*Esperanto, moderna lingvo. Studo baze de la Fundamento. Verkis Akademianoj Setälä, Vilborg kaj Stop-Bowitz. Broŝure bindita.* 136 *paĝoj. Prezo ne indikita.*

Tri norduloj, finno, svedo kaj norvego, prezentas al la esperantista mondo detalan analizon kaj sian tezon pri la demando, kiu dividas la Akademion, nome la rolo kaj signifo de la pasivaj participoj. Tiu ĉi demando fluigis jam multe da inko kaj tro multe flagrigis la pasiojn; kio ja ne havas sencon, ĉar la naturo de la lingvaj aferoj, kiel tiu de la fizikaj objektoj ne ŝanĝiĝas pro la homaj sentimentoj. Tial estas aparte kontentige, ke tri Akademianoj klopodas pravigi unu el la du teorioj prezentante kun scienca objektiveco la alian, kaj ke en la tri studoj estas nenio ofenda aŭ eĉ simple morde ironia. Eĉ pli: nur unu el la aŭtoroj plendas pri la malkonvenaĵoj ĝis nun okazintaj.

Kio, do, kaŭzas la malakordon? Tio aperas klara en la libro. Kelkaj Akademianoj subtenas la teorion prezentitan en la «Plena Gramatiko» de Kalocsay kaj Waringhien, ke la verbaj finaĵoj de Esperanto esprimas ne nur tempojn, sed ankaŭ la «aspektojn» de daŭro kaj plenumiĝo aŭ rezultatingo, kiel en la slavaj lingvoj; aliaj opinias, ke tiuj finaĵoj esprimas nur la tempojn, kiel okazas en la ĝermanaj lingvoj (germana, nederlanda, sveda k.s.), kaj ke estus superflue esprimi per ili aspektojn, ĉar Esperanto faras tion per afiksoj aŭ aliaj rimedoj.

Estas interese, ke en la hispana, kiel en la ceteraj latinidaj lingvoj, kvankam, almenaŭ laŭ mia scio, la gramatikistoj ne parolas pri «aspektoj», la verbaj formoj preteritaj prezentas la agon kiel ĉesantan (amó, leyó) aŭ ankoraŭ daŭrantan (amaba, leía); sed tio estas io tute alia ol la ĝisfineco, kiun oni celas esprimi en Esperanto uzante «-ita» anstataŭ «-ata» en la aspekta sistemo, en kiu oni tradukas jene:

Los mataban (o mataron) = Oni mortigis ilin.

Eran (o fueron) muertos = Illi estis mortig*it*aj.

La amé (o la amaba) = Mi amis ŝin.

Era (o fue) amada = Ŝi estis am*at*a.

La casa era (o fue) construida durante los primeros años = La domo estis konstru*at*a dum la unuaj jaroj.

La casa fue construida en 1960 = La domo estis konstru*it*a en 1960.

La casa fue construida *parcialmente* en 1960 = La domo estis parte konstru*at*a en 1960.

En 1918 fue (o era) perseguido y capturado, juzgado y condenado = En 1918 li estis persekut*at*a kaj kapt*it*a, juĝ*at*a kaj kondamn*it*a.

La conocía = Mi konis ŝin.

La conocí = Mi *ek*konis ŝin. (Komencaspekta prefikso!)

Nu; la aŭtoroj komparas ambaŭ sistemojn kun klara ekspono kaj prezentas la tempan per frazoj ekskluzive Zamenhofaj, kaj demonstras, ke ĉiuj ekzemploj de la Ekzercaro, baze de kiuj oni volis pruvi, ke nur la aspekta sistemo estas konforma al la Fundamento, «plene konformas kun la principo de analogio, permesanta komprenon de la participoj kiel tempaj indikiloj». Ili argumentas, ke «sistemo de verbaj formoj, kiuj celas montri tempon aŭ temporilaton, estas pli simpla ol sistemo, kiu ligas al la

tempoformo ideon de aspektoj», kaj post interesega analiza studo de la evoluo de la hind-eŭropaj lingvoj, montranta, kiel la esprimo de aspektoj cedis al la esprimo de la tempoj en la lingvoj de moderna tipo, kia estas la Internacia —studo, kiu per si sola signifas tre valoran kontribuon al la scienca literaturo de Esperanto—, frapas la leganton la plej konvinka argumento: en la sola lingvo, kiu havas tri aktivajn kaj tri pasivajn participojn —el kiu kredeble Zamenhof prenis la sistemon—, la verboj estas nur tempesprimaj!

La sintenon de la tri Akademianoj rilate al la disputo montras jenaj.

MAKSIMO — Aferoj batalu debate, amikoj kondutu nur frate.

MOTO — La postulo pri senkondiĉa kapitulaco neniam estis bona bazo por daŭra paco. Per reciproka respekto oni ordinare atingas multe pli.

KONKLUDO — Neniu ekzegezo de la Fundamento povas fariĝi parto de la Fundamento, kiajn ajn aŭtoritaton kaj postenon posedu la ekzegezisto(j). Sen rompo de la Fundamento ĉiu nuntempa aŭtoro rajtas elaste uzi la participojn por esprimi siajn pensojn ĝuste tiaj, kiaj ili estas, ne modifitaj de iu rigora regulo, kontraŭa al la spirito de la lingvo.

Resume, la libro estas rekomendinda kiel nepre legenda al ĉiu, kiu volas koni perfekte Esperanton kaj interesiĝas pri ties problemoj. Al tiuj, kiuj, ŝatas la filologiajn studojn ĝi donos grandan ĝuon.

L. MIMO

---

Dum la Universala Kongreso en Bruselo, 1960, S-ro Isbrucker, tiama Prezidanto de la Akademio de Esperanto, disdonis al la Akademianoj kaj interesitoj el la publiko interpreton pri la pasivaj participoj de Esperanto, kiu vekis ŝtorman diskuton dum la publika kunveno de la Akademio. Pluraj el la ĉeestintoj, inter ili la plej eminentaj esperantologoj, ekz-e Prof. Waringhien, prezentis argumentojn, ke tia interpreto ne estas akordigebla kun la Fundamento kaj la zamenhofa tradicio. Aliaj tion oponis.

Post tio kaj sekve de tiu bedaŭrinda publika kunveno, mi eldonis en 1961 la *Simpozio pri -ata-ita,* antaŭ kies finredakto mi invitis partianojn de ambaŭ interpretoj prezenti siajn vidpunktojn. El la apogantoj de S-ro Isbrucker, nur S-ro Jung respondis, ke li kontribuus kun la kondiĉo, ke estu disponigita al ambaŭ vidpunktoj la sama spaco. Al tio mi rediris, ke la pravo aŭ malpravo de afero ne dependas de spaco plenigota, kaj mi letere garantiis al li plenan liberecon pri spaco kaj absolutan respekton por liaj ideoj. Sed li rifuzis kontribui (1).

Nun aperis la kape citita libreto, kiu volas esti repliko al la *Simpozio* (aŭdenda voĉo de la alia partio — laŭ Prof. Collinson en la antaŭparolo). Nu, la titolo mem jam estas taŭtologio: modernaj lingvoj estas ĉiuj lingvoj nuntempe parolataj. Sed la aŭtoroj atribuas al tiu termino subsencon, laŭ kiu Esperanto povas esti kalkulata «moderna» nur se ĝi estas interpretata laŭ la principo de la lingvoj ĝermanaj, kun senaspekta, nete tempa konjugacio. Tiu aserto, tamen, estas senbaza iluzio de homoj, kiuj ne evitis la antaŭjuĝon kredi *sian kutimon* bazo de la logiko kaj finevoluo de la homara progreso — per kio cetere ili senscie ofendas alinacianojn (2).

D-ro Vilborg scias, ke la «logiko» de lingvo venas ne el aprioraj konsideroj, sed el aposteriora konstatado de esplorantoj, surbaze de la *fakta* uzado. Esperanto «ricevis propran vivon kaj disvolviĝas plu sur vojo de libera lingva evoluo» li diras (p. 47). Prave! Do se li volas vidi, kial la sufikso —ad—, kies semantiko akcentas la daŭron kaj ekskluzivas la rezulton (p. 26), iom post iom maloftiĝis —kaj ĉi tie kuŝas la ŝlosilo de la tuta afero—, li povas konstati, ke tio ŝuldiĝas al la fakto, ke —*a*— alprenis la signifon de daŭro en la verbaj morfemoj. Al tiu vivantiĝo de la lingvo eĉ Zamenhof mem sin submetis, ekz-e en 1907, kiam la *estas redaktataj,* kiun D-ro Vilborg citas sur p. 29, li korektis (jes, Kol. Vilborg!) al *estis redaktitaj* (Kp. O.V. p. 49 kaj p. 245); en 1911, kiam li diris, ke *okupi* ne povas liveri *okupata* por *esprimi* staton rezultintan de plenumita ago, ktp. Kaj tiun vojon sekvis kaj sekvas la zamenhofa tradicio, t.e. la grandega plimulto de la bonaj verkistoj (3).

En unu punkton la tri kontribuaĵoj same streĉe fokusigas siajn penojn:

klarigi la ekzemplojn de la Fundamento kun pasivaj verboformoj laŭ la skemoj proponitaj de S-ro Isbrucker en Bruselo. Tiucele la tri submetas tiujn frazojn al diversaj analizoj kaj aŭdacaj interpretoj, kiuj tamen neniel povas forigi la fakton, ke *estis -ita*, kiel cetere rekonas Prof. Collinson mem, havas en la Fundamento ankaŭ la rolon de simpla pasiva preterito. Ekz-e la du *estis naskita* (§§ 12,19 kaj 33,7) estas nur la pasivo de *naskis* kaj ne iu antaŭpreterito, preterito antaŭtempa aŭ pluskvamperfekto.

La sistemo proponita en la recenzata libreto ne estas nekontesteble apogebla sur la zamenhofaj kaj Fundamentaj ekzemploj (4). Tion bone scias la aŭtoroj, kaj tial ili tre singarde formulas sian rilaton al la Fundamento (5). Ne estas disponebla spaco por detale prezenti la atismajn regulojn; sed se ni aplikas ilin al la frazo de la Fundamento «unu tagon, promenante apud la reloj de fervojo, li falis sub la radojn de veturanta vagonaro kaj mortiĝis», ĝi estas interpretenda jene: «*unu tagon*, prome*ninte* apud la reloj de fervojo, li *estis falinta* (=kuŝanta) *sub la radoj* de vetur*inta* vagonaro kaj *estis mortiĝinta* (=malviva)». Estas tro granda pretendo, kredigi, ke tion ĉi volis diri Zamenhof per sia simpla komuniko pri preterita okazaĵo. En metaforo de Stop-Bowitz: oni adaptas la terenon al sia landkarto! — Aldone la atismo donas du malsamajn signifojn al la verba morfemo —*a*—, nome daŭron kaj nedaŭran samtempecon (Kp. p. 26: se *konstruata* post *estas* signifas «en stato de konstruado», kial ĝi povas perdi tiun signifon kaj havi la sencon «fariĝi preta» post *estis*!?). Krome la atismo senigus Esperanton je la eblo montri durativon en preterito (6). Cetere ne preterlasinda pekado de la libreto estas prezenti unufoje uzitan formon (*hapax*) kiel kutiman kaj konstantan (7).

Resume: *esperanto — moderna lingvo* estas bonvena. Ĝi ebligas rigardon en alian lingvan pensmanieron, ol estas tiu de Zamenhof. Samtempe ĝi klare montras, ĉe sobra observo, la malfortajn flankojn de la atismo, nome, ke por akordigi ĝin kun la Fundamento la teoriuloj de la nete tempa sistemo devas, per aldono de diversaj subkomprenoj, modifi la tute naturan sencon de la frazoj. Malgraŭe, eĉ tiel la rezultato estas nekontentiga, ĉar ĝi kondukas al tute surprizaj kaj strangaj konsekvencoj, unu el kiuj ni supre vidis per la Fundamenta ekzemplo atismen tradukita. Sed en la amplekso de ĉi tiu recenzo ne estas eble fari fundan analizon kaj prezenti argumentojn. Por deĉe prezenti la nekonsekvencecon de la atismaj tezoj estus necese havi preskaŭ la saman spacon, kian havas la libreto.

Konklude: la laboro de la Norda Triopo kontraste rivelas la pravecon de nia konvinko, ke la zamenhofa tradicio, firme apogita sur la Fundamento, estas la sola, kiu garantias la unuecon de nia lingvo.

J. REGULO

---

(1) Tion ĉi mi devas diri, ĉar la kritiko en la recenzata verko pri la titolo de mia eldono estas nek ĝusta nek justa. La vorto *simpozio* ne nepre inkluzivas kontraŭajn opiniojn, kvankam tiaj ĝenerale povas enesti; kaj ke en la *Simpozio pri -ata -ita* aperis nur samtendencaj pecoj, dependis ne de mia volo, sed de la kontraŭula rifuzo partopreni. Tio nur honore al la vero.

.(2) Kp. Mario E. Pei: *History of Language*, 1949.

(3) D-ro Vilborg scias, ke liaj asertoj pri tio, ke la atistoj kaj itistoj staras duono kontraŭ duono ne respondas al la kontroleblaj faktoj. Mi statistigis, *grosso modo*, la librojn kaj gazetojn aperintajn de 1960 ĝis 1964, entute kvin jarojn, laŭ la Jarlibro de U.E.A. kaj aliaj fontoj, kaj mi venis al la konkludo, ke proksimume pli ol 90 % sekvas la zamenhofan tradicion.

(4) Tion rekonas eĉ Kol. Vilborg mem, ekz-e p. 27 —honoron al li!—, kiu nomas la atismon «rezona» (=teorie logika) kaj la itismon «empiria» (=filologia, t.e. ke la praktiko faris ĝin regulo) kaj bazita sur la normala uzado de Zamenhof.

(5) Setälä: «Sen rompo de la Fundamento ĉiu nuntempa aŭtoro rajtas elaste uzi la participojn por esprimi siajn pensojn ĝuste tiaj, kiaj ili estas, ne modifitaj de iu rigora regulo, kontraŭa al la spirito de nia lingvo» (p. 17). — Vilborg: «La ĝermo de la konflikto troviĝas en la Fundamento mem, en la diferenco inter la tempaj

indikoj en la 6-a § de la gramatiko kaj la ebleco interpreti la frazojn pasivajn de la Ekzercaro laŭ aspekta pensmaniero... La problemo pri pasivo de iĝo en Esperanto ne povas esti efektive solvata per iu el la du sistemoj» (p. 51). Stop-Bowitz: «Sur la ekskluziva bazo de la Fundamento kaj de Zamenhof oni ne povas fari definitivan konkludon, ĉar sur tiu bazo oni povas defendi ambaŭ interpretojn» (p. 64).

(6) Tio estas pli komplika, pli malfacila kaj eĉ pli malmoderna ol la vivanta Esperanto, kiun nuntempe praktikas pli ol 90 % de la uzantoj de la lingvo. La aŭtoroj ne malofte volas pravigi la zamenhofecon de siaj asertoj per sporadaj ekzemploj el la fruaj tempoj de la lingvo: ili kvazaŭ pledas retroiron al supozata stadio jam de longe superita de la lingvoevoluo! Estas bone sciate, ke la konstanta uzado de Zamenhof ĉiufoje pli kaj pli fariĝis itisma, kiel bone montras la sinsekvo de liaj verkoj.

(7) Ekz-e *amita* troviĝas nur dufoje ĉe Zamenhof: *Ifig.* 86/32 kaj *Marta* 106/23; ĝi troviĝas ankaŭ sub la plumo de A. Neumann en FK 383/26 kaj kiel citaĵo en LR nº 19; la formo *estis amita* troviĝas nur du fojojn, *Andersen* IV/111, en peco ne facile komprenebla. Sed ĝuste tiujn maloftajn formojn la recenzata libreto citas kiel regulajn, eĉ ne atentante la diferencon inter la participo izole uzita (*amita, havita*) kaj la pasiva formo *estis amita*!

*KATOLIKA TERMINARO — Esperanto-Español. — Traduko de J. M. Claramunt Sch. P. Eldonis I.K.I. Tilburg. Nederlando. Prezon oni ne indikas.*

En plaĉa broŝura formato kaj klare legebla teksto, la 56 paĝa terminaro de H.G. Wonnemakers S.J. kaj P. Huberteno O.F.M., aperas nun en la hispana traduko de J. M. Claramunt Sch. P. kiel 5ª broŝuro en la Serio de I.K.I. kaj riĉigas la jam abundan fakan vortararon ekzistantan en la Internacia Lingvo.

Tiu libreto, kiu speciale interesos la katolikanojn, enhavas laŭ aboca ordo pli ol mil okcent katolikajn terminojn.
La traduko estas ĝenerale bona kaj ni devas gratuli la tradukinton pro la laboro farita; tamen, en venontaj eldonoj oni devos korekti kelkajn misaĵojn kiuj enŝoviĝis en la tekston.

N. L. ESCARTIN

KION VI FARAS. — Ekzercaro por junaj lernantoj de Esperanto. Kompilis, eldonis kaj produktis Derrick P. Faux, Valley Farm House, Charndon nr. Bicester, Oxon, Anglio. Prezo 4 steloj, plus afranko. Rabato por kvanta mendo.

EL AFRIKO. — Legu kaj Lernu - 1. Serio de libretoj por infanoj. Redakcio: Derrick P. Faux. Supra adreso. Prezo 3 steloj. Jara abono 6 numeroj 21 steloj afrankite.

IDETOJ. — Legu kaj Lernu - 2. Serio por infanoj. Redakcio D. P. Faux. Supra adreso. Prezo 3 steloj.

VORTLUDOJ. — Legu kaj Lernu - 3. Redaktis kaj eldonis Derrick P. Faux. Supra adreso. Prezo 3 steloj.

KAŬKAZAJ RAKONTOJ. — M. J. Lermontov. — Tradukis S. Staritsky. Eldonis U.E.A., 72 paĝoj, 21 × 15 cm. Prezo 5 gld. aŭ 20 steloj.

DECIDAJ ARGUMENTOJ. — (Postparolo kaj studo pri la participoj, komplementaj al la verko «Perfekteco de la Esperantaj verboj») L. Mimó. 18 paĝoj. Prezo 15 pesetoj.



# Praktikaj signifo kaj valoro de la filatelismo

*Saldanha Carreira*

Tiel praktika kiel ŝajnos al mi iu ajn temo, por ke mi alkroĉiĝu al ĝi, mi ĉiam ŝmiras ĝin per certa dozo de idealismo. La esprimo «praktika idealismo» do ne estas tiel paradoksa kiel unuavide ĝi aspektas.

Ekzemple, pri filatelo. Ideo hodiaŭ tute praktika, absolute industriigita, radikita en la intimo de treege saĝa gento, moviganta larĝajn kapitalojn, ĝi ne estas por mi nur komplika kolekto de centmil koloraj paperetoj pli malpli artaj. Aŭskultante ĝin, mi trovas en ĝi animon, mi sentas ke io korbatas en ĝi kaj bezonas esti esplorota. Tiel mi titolis «Filatelismo» tion, kion mi estas skribanta.

* * *

Johaneto, post la kunigo de la unuaj dekduoj da poŝtmarkoj, tuj ambiciis albumon. Ekde tiu momento, en la spirito de la malgranda kolektanto ekaperis en li la unua inklino al arangô, organizo kaj observemo.

La jaroj pasis, la Johaneto iĝis Johanego, posedanto de vere ŝatinda kolekto da poŝtmarkoj.

Dum la tuta tempo, kiun li travivadis, kalkulante randodentarojn, esplorante falsaĵojn, kontrolante filigranojn, legante kostojn en diversaj lingvoj, lernante landnomojn, konsultante katalogojn, kombinante interŝanĝojn, vivante vivon de konvinkita filatelisto, li lernis multan geografion kaj iomete da historio, disvolvigis siajn observemajn kvalitojn, metodigis detale la spiriton, akiris milmil amikojn, vere vivadis, kunfratiĝis kaj, absorbante eĉ senkonscie la mentoradon de la Filatelo, li kulturis Filatelismon.

Filatelismo estas kvanzaŭ kvintesenco el la Filatelo.

Apartenas al la Filatelismo nur tiuj, kiuj posedas la teknikajn konojn necesajn kaj sufiĉajn de la specialaĵo; donas al siaj filatelistaj kolegoj tian simpation, tian estimon, trudatajn de sana kaj frata komprenemo; tiuj kiuj posedas la spiritan kvietecon, la animan preparon, la justecan sencon, kiuj kreas veran, lojalan kunfratiĝon; tiuj kiuj, en sia interna ideo, deziras al la tuta mondo, filatela kaj nefilatela, kristana aŭ comota, sensofisman pacon ĝisdate malnoble kaj fiintence ignoratan.

Estas, laŭ tiu ĉi vidpunkto, ke Esperantismo kaj Filatelismo estas parencaj. Kaj pro tio ke la hodiaŭaj Johanoj, pli feliĉaj ol tiuj de la antaŭaj tempoj, havas je sia dispono la duan lingvon de ĉiu popolo, la simplan Esperanto, kaj ekkomprenas jam ke Esperanto, en la praktika kampo, estas al ili necesa, iom post iom estas alproksimigantaj sin al ni, nepre agnoskintaj la bonaĵojn al ili proponitajn de la humana donaco de Zamenhof.

Plimalplie en ĉiaj sektoroj la neŭtrala lingvo estas uzata, sed inter Filatelismo kaj Esperantismo oni rekonas kongruon, intimecon, simpation, kiuj ilin konsilas al pli streba kunlaboro.

Kiel okazas kun niaj Esperanto kaj Esperantismo, la Filatelo sen Filatelismo estas korpo sen animo.

Bedaŭrinde mia priesperantisma okupado ne permesas al mi esti filatelismulo.






# XXVIª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Organizita de H. E. F. okazonta en PALENCIA de la 20ª ĝis la 24ª de Julio 1965ª



*LOKA KONGRESKOMITATO*

Prezidanto: Benito Calvo López
Sekretario: Dátivo Blanco Seco
Kasisto: José Arias Picó
Voĉdonantoj: Filiberto Guentenebro, José Pérez Llorente, Luis Martín Herrero y Luis Díaz Abad.

*PROVIZORA PROGRAMO*

| | | | |
|---|---|---|---|
| 20 julio je la | 17ª | horo: | Disdonado de dokumentoj |
| | 23ª | » | Interkona vespero (dancado) |
| 21 julio je la | 11ª | horo: | Solena meso |
| | 12'3 | » | Solena Malfermo. Ĝenerala Foto. |
| | 16'3 | » | Fakaj kunvenoj |
| | 17'3 | » | Prelego |
| 22 julio je la | 10ª | horo: | Turista promenado tra la urbo vizitante la ĉefajn monumentojn. |
| | 16ª | » | Ekzamenoj |
| | 17'3 | » | Ĝenerala kunveno de H.E.F. |
| | 19'45 | » | Prelego |
| | 23 | » | Folklora Festo |
| 23 julio je la | 10'3 | horo: | Matena ekskurso ĝis la 14ª horo. |
| | 17 | » | Junulara Oratora Konkurso |
| | 19'45 | » | Solena fermo |
| | | | Bankedo |
| 24 julio je la | 10ª | horo: | Tuttaga ekskurso. |

Aliĝojn al: H.E.F. Secretariejo
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
ZARAGOZA

aŭ al Loka Kongreskomitato:
Víctorio Macho, 46, 3.º
PALENCIA

# MORTO (Pensvagado)

*Memore al samideanaj sojltrapasintoj*

*Nicolás L. Escartín*

La plej profunda sonĝo de la *esenca* homo estas la vivo.

Oni diris: dormo estas duonmorto. Kaj oni povus aldoni: veko estas trionmorto. Do, demandon: Kio estas vivo?

Jes, kio estas vivo? Ni vivas —laŭŝajne— kaj tamen ni ne scias kion respondi. Se eblus demandi mortinton kio estas morto, certe li silentus.

Iuj diros: kial demandi pri la morto kiam oni nescias ĉion pri la vivo?

Dumveke la homo sonĝas samkiel dumdorme; vivo kaj morto agas, samtempe en li dumvive kaj dummorte. Sed li ne konscias pri tio.

Ĉar la homo estas giganta, *kontinua* viv- mort- fenomeno.

Daŭre suferigas min la vortoj de Jesuo «*Lasu la mortintojn enterigi siajn mortintojn*», ĉar en ili troviĝas kaŝita senco pri la karaktero de la homa estado.

En mia vivovojo mi trovis vivantajn kadavrojn, fizikajn homojn, kies ekstera aspekto, aŭtomataj agoj kaj vortoj ŝajne atestis vivon, sed kies animoj jam de longe forvelkis. Kontraŭe, mi ankaŭ perceptis la *realan* animspuron de homoj kies fizika korpo ne plu ekzistis.

Oni kreis sciencon por helpi la vivenirantojn. Kial ne krei alian por la vivelirantoj?

TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. Z-375-63